# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 13/12/2018 Kvarcentkvara eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Uzindaj ligoj.** *openclipart. * *reta-vortaro * *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* * Google Translate* * Pasintaj AE eldonoj* * Duolingo * duolingo all courses * lingvohelpilo* *PMEGramatiko* * Esperanta Retradio*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Entute 763,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **364,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas **309,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas **90,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

## N.ro 46 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)





En $ 155 PAG revenas al la infinitivo por montri kio estas ĝia Subjekto. Ĝi AŬ estas la predikata Subjekto, kiel en "LI prenis la permeson e n i r i", kie "Li" eniras, AŬ ĝi estas la persono aŭ aĵo en la "al"-adjekto, se tia ĉeestas, kiu estas la Subjekto de la infinitivo, kiel en "Li donis al Ŝ I la permeson e n i r i", kie eniras ŝi. Jen du aliaj ekzemploj: "Mi petas eniri" kie "Mi' eniras, kaj "Mi petas cin (= al ci) eniri", kie "ci" eniras. Kaj alia ekz.: "Ebligu viziti nin baldaŭan Ĵaŭdon", kie vizitos ci, kaj "Ebligu nin (= al ni) viziti baldaŭan Ĵaŭdon", kie vizitos ni. Ĉe verboj kiaj "ordoni" nur eblas ke la Subjekto de la Infinitivo estu la "al"-adjekto: "Ŝi ordonis (al ni) purigi la plankon". Same ĉe la verboj "igi" kaj "lasi": "Ŝi igis lin manĝi" kaj "Ŝi lasis lin manĝi".




Fine PAG diskutas la Subjektojn de la agoj en la participoj. Ĝi i.a. mencias ke, kontraŭe al ĉe la participaj adjektivoj, ĉe la participaj adverboj la Subjekto de ilia ago ĉiam estas la Subjekto de la predikata ĉefverbo, kiel en "Selante la ĉevalon, ŝi ĝin karesis". *Marcel Leereveld*



# Varmajn gratulojn al Eunice Graham



**pro ŝia centjariĝo.** (16a decembro)

Estis antaŭ tre longa tempo, eble kvindek jaroj, ke mi unue vidis ŝin, en Esperanto-kongreso, en kiu ŝi tre impresis min, ne nur pro ŝia beleco sed ankaŭ pro la belega kaj kortuŝa maniero en kiu ŝi legis, en la kongreso, la kortuŝan publikan leteron verkitan de nordamerika, "indiana", ĉefo al la "blanka", eŭropa gvidanto de Usono. Mi neniam forgesis tiun ŝian impresan legadon.

Laŭ informoj en SAT-gazeto, la plej longa kaj la plej maljuna Esperantisto vivanta estas la hispana samideano Eduardo Larrouy, kiu nun aĝas 105 jarojn. Li lernis Esperanton unu jaron antaŭ mi, en 1932. Ĉar mi do estas la due plej aĝa Esperantisto, Eunice estas la trie malplej juna. Do ree korajn gratulojn al Eŭnice.





*Marcel Leereveld*




# la akuzativo




Karaj,

en la plej nova - bonŝance ne la lasta (Ĉar venos pliaj.) :-) AE - Marcel donas helpon al tiuj parolantoj de la angla, kiuj facile forgesas uzi la -n.




Aldone mi povas informi, ke mi volonte kaj senpage sendos al ĉiu petanto unupaĝan superrigardon pri la reguloj rilate al la uzo de la -n. Ĝi estas havebla en la angla, ĉina, dana, finna/suoma, franca, germana, hispana, itala, nederlanda, portugala, rusa kaj memkompreneble en Esperanto.



Kaj mi povas aldoni malfacilan kaj malican ekzercon, se oni deziras tion. Amike, *Peter Weide*

# POLVOŜTORMOJ



Vera skribis pri polvoŝtormoj spertitaj en Okcidenta Aŭstralio.

Mi spertis similajn, kiam mi loĝis kaj instruis en Aramac en la Geografia centro de Kvinslando.

Tie la polvo estis ne ruĝa, sed nigra, kaj spirado ne estis facila, ĝis la polvonuboj pasis, kion ili kutime faris tre malrapide. Kaj poste ĉie estis spuroj de polvo, eĉ en la plej kaŝitaj anguloj de ŝrankoj.

Do ne tute agrabla sperto!

*Trevor Steele*





# La Dekalogo.



La Biblio estas probable la plej legita libro en la mondo. Milionoj el ĝi estis menditaj en centoj da lingvoj. La Biblio estas nomita „La vorto de Dio“. Sed, ĉu tio veras? Mi mem kredas ke ne; ĉar en la Biblio estas trovitaj multe da frazoj, kiuj ne havas sencon. Unu ekzemplo: En la unua libro de la Biblio, nomita Genezo estas skribita: „Dio kreis je la tria tago verdaĵon, herbon kaj fruktarbojn – kaj je la kvara tago Dio kreis la sunon, lunon kaj stelojn“. Tio ne havas sencon. La veraĵo mankas grandege. Tial mi devas kredi, ke la Biblio ne estis enspirita el Dio. Tamen ĝi estas tre interesa. Mi plej ŝatas la fruajn historiojn pri Abraham kaj Moseo. Ili estis veraj personoj. La rakonto pri ili eble ne estas tute vera, ĉar ĝi estis skribita centojn da jaroj post la okazaĵoj, el memoro. Ĉar en la tagoj de Abraham skribaĵo ne estas inventita pro tio mankas papero aŭ literoj. La plej frua biblia skribaĵo estis farita de Moseo, kiam li skribis la Dek Leĝojn, ankaŭ nomita „La Dekalogo“. Laŭ la Biblio, Dio mem enskribis la leĝojn per sia fingro. Nun mi havas demandon al vi: En kiu lingvo faris Dio la skribon de la Dek Leĝoj? La hebreaj literoj ne estis inventitaj je tiu tempo.

Mi kvazaŭe scias, ke la Leĝoj de la Moseo estis skribitaj per egiptaj literoj, la solaj literoj, kiujn Moseo konis. Kaj tiuj platoj de la Leĝoj de Moseo estas nun savitaj kaj fortaj enŝlositaj en la ĉefa preĝejo de Etiopio, ĉar Salomono, la Reĝo de Israelo, donis la platojn al sia filo, la filo de la Reĝino de Ŝiba, kiam li dekokjara, vizitis sian patron, la Reĝon de Israelo.

La du platoj de la Dekalogo estas tial savitaj por la estonteco.



Sed kiu kapablos legi iliajn egyptajn literojn? - ?

*Erhard Claus*







**LA ESPERO** Esperanta himno Esperanta kunkanto (Karaoke) kun A-cappella Ĥoruso *Roger S*



# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagota kafo atendos vin. La 15a de decembro estos la tria sabato. Venu al la Manlia grupo, Bonaj amikoj, apliko, instruo kaj senpaga kafo. Vizitantoj bonvenaj *Roger Springer*





# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 20 La lastan fojon en Skandinavio Kvina ero



Mi eliris ĉiun tagon por vidi la ĉirkaŭaĵon de Skovlunde. Mi iris ankaŭ al Kopenhago, eĉ al la flughaveno por familiariĝi kun ĝi. Mi vidis Christiansborg Slot, kie mi iam laboris, kaj preskaŭ ĉion alian vidindan en la urbo. Precipe la interna urbo interesas min. La cetero ne estas tiom bona. Mi iomete pentas, ke mi ne iris revidi Carlsberg kaj Tøndergade, sed ne estis tempo por ĉio. Mi intertempe maljuniĝis, kaj laciĝas tro facile.

Estis en Eŭropo tiun someron tre altaj temperaturoj, kaj mi suferis kaj sopiris al malvarma Adelajdo. Mi devas konfesi, ke miaj okuloj ne larmis, kiam mi ensidiĝis en la flugmaŝinon, kiu kondukos min el Kopenhago al Frankfurto. Kiam mi fine elflugmaŝiniĝis en Adelajdo, estis nur 1°. Iomete tro malvarme post la dana varmego !

Post tiom longa tempo en Eŭropo oni preskaŭ sentas sin nebonvena en Aŭstralio. Demandis min la doganisto, ĉu mi kunportas kun mi manĝeblaĵon el lando fremda, ĉar manĝeblaĵoj eksterlandaj ne estas permesitaj en Aŭstralio kvankam ili disvendas kafon el Brazilo ktp. Ankaŭ malpuraj ŝuoj ne permesatas, kiel ankaŭ plej multaj aliaj aferoj, kiuj povas doni plezuron al oni.

Antaŭ nelonge mi legis, ke oni nun konsideras importi kaj vendi sablon el Galipolio, Turkujo. La logiko estas nekomprenebla, sed mi jam survivis tiom da registaroj, ke tiu ĉi tute ne gravas al mi. Kion la vivo instruis al mi estas la jena: Militemuloj rajtas fari kion ajn, kaj se la registaro flaras profiton, tiom des pli bone. Sed se pacamanto havas eĉ la plej modestan peton, tiam oni je ĉiuj kostoj devas silentigi lin. Oni preferas ĵeti lin en karceron !

*Daŭrigota* *BobFelby*

**En AE405 enestos la fino de la libreto de Bob Felby**







**3ZZZ**. La bunta programo de la elsendo de la 10a de decembro rememorigas vin pri la datreveno de la Deklaracio de Homaj Rajtoj, montras ke ne necesas esti plenkreskulo por riĉiĝi : nur sekvu la ekzemplon de tiu sepjara knabo , informas pri la negativaj ŝanĝoj en nia medio kaj invitas vin al malkovro de ĉarma novzelanda urbo, Dunedin *Franciska Toubale*





# En la ĝardeno





Je la momento floras en nia ĝardeno **"feijoa** " arbo, kio feliĉigas min ĉar mi tre ŝatas manĝi la petalojn en salato. Sed mi ne estas la nura, kiu alte taksas tiun manĝaĵon. Matene kaj vespere ŝajnas ke forta vento blovas tra la branĉoj. Fakte la papagoj nomataj **"trichoglossus" ( Lorikeet)** kaj la **ptilonorinkusoj ( ptilonorhynchus aŭ bowerbird)** kaŝas sin ene de la arbo kaj sin regalas. Facilas aŭdi la altsonajn kriojn, sed ne tiom facile vidi ilin, pro tio mi kapablis foti nur la florojn de la arbo.



Mi dankegos tiujn, kiuj kapablas sciigi min pri la ĝustaj nomoj de tiuj aŭstraliaĵoj en Esperanto.





Marcel ne sendis siajn kutimajn artikolojn ĉar Marcel eniris en la malsanulejo je sabato la 8a de decembro. Informis min *Heather Heldzingen*

La nepino de Marcel telefonis kaj diris ke pro ne tute facila spirado, Marcel restos en la hospitalo. Amike, *Franciska Toubale*

AE kaj ĉiuj de ni deziras la rapidan resaniĝon de Marcel *Roger Springer*